2ª jaro - Nº 10 (17) (Publication mensuelle) Oktobro 1934

# LA PIRATO

Kajeroj por Satiro, Humoro kaj Libereco... relativa

Ŝipestro : Raymond SCHWARTZ
Redakcio : 5, Avenue Galliéni
Courbevoie (Seine)

Hejma Haveno & Administracio :
J. SOLSONA
9, Rue Hallé, PARIS-14e

FRANCLANDO



KAPERAS ĈIUMONATE

**Se ni havus 30.000 abonantojn, ni ne plu bezonus — por vivi — eldoni gazeton ! Helpu nin !**

# TARIFO DE L'ABONOJ

---

Unujara abono (12 numeroj) al LA PIRATO kostas

en Francujo kaj Saar-Teritorio. . . . . 10 fr. fr.

en Landoj aliĝintaj al la Konvencio de Stockholm. . . . . . . . . . . . . 12 fr. fr.

en aliaj landoj *) . . . . . . . . . . . . . . 15 fr. fr.

Oni povas pagi egalvaloron en aliaj monunuoj laŭ kurzo de l' tago, — per monbiletoj, respondkuponoj poŝtaj (1 kupono = 1,50 fr. fr.) aŭ per respondkuponoj de UEA (laŭ kurzo de l' tago).

Franca poŝta ĉekkonto :

J. SOLSONA, Paris 545.82

---

Ĉiuj pagoj estu farataj al

S-ro J. SOLSONA, 9, rue Hallé

PARIS - XIVe

---

*) Inter la ĉefaj landoj ne aliĝintaj al la Konvencio de Stockholm estas : Danujo, Granda Britujo, Italujo, Japanujo, Norvegujo, Svedujo, Svisujo, Usono.



*(Desegno de Wranka Dragutin.)*

# Ho, Direktor' !

Ho, direktor', alridu nin ĝentile,
El nia rondo nun ne saltu for !
Jam teni vin ne povas ni facile,
Ho, direktor' !

Ho, direktor' ! Post longa voĉdonado
Ĉu vi ne venkis en decida hor' ?
Sufiĉe ! trankviliĝu de l' batado,
Ho, direktor' !

Ho, direktor' ! Nun estu la ĝustmeza
Oficiala stabilec-faktor' !
Por nia kaso estu ne tro peza,
Ho, direktor' !

ROSA MEIER.

# De pirata vidpunkto

## Oni serĉas malamikon!

Nia movado fartas malbone, ĉar ĝi fartas tro bone. Tio ŝajnas paradokso, kaj tamen estas fakto.

Nin minacas neniu danĝero. La iamaj kontraŭuloj de l' mondlingva afero malaperis en sia propra ridindeco. Nur malfruiĝanta lunloĝanto kapablus hodiaŭ nei la ekziston kaj servopovon de Esperanto. La potenculoj de l' tago, sentante la pezon de l' realeco, ne plu ignoras nin. Oficialaj benoj, kaj kelkfoje pli palpeblaj subvencioj, kuraĝigas la pacajn batalantojn... Vere, ni fartas tro bone! Kaj tial la pacaj batalantoj ekdormas sur siaj laŭroj. La ĉiutagan taskon de l' propagando plenumu niaj gvidantoj, niaj oficistoj. Ni batalas inter ni pri bagateloj : organizaj problemetoj, neologisma epidemio, politikaj etiketoj, ambicioj inter operetaj princoj. Aŭ ni nenion faras, pensante, ke ĉio estas en perfekta bonordo kaj funkcias tre normale. Tial la movado fartas malbone.

Ni scias, kiamaniere oni povus venki la hontindan letargion. Ezoko en la karpolago ludas providencan rolon. Por revigligi nian atakemon, por unuecigi nian fronton ni nepre bezonas malamikon. Ha, — se iu el la konkurencantaj (?) lingvo-projektoj povus foje esti io alia ol nur eksperimenta ludilo por maljunaj infanoj, povus foje signifi seriozan minacon kontraŭ Esperanto, tiam ni ĉeestus tiun unikan spektaklon de unuigita Esperantistaro arde batalanta kaj rapide progresanta.

Konklude : Se ni disponus pri kelkaj superfluaj milionoj, ni malavare subtenus la senesperajn klopodojn de unu aŭ alia helplingva feto. Per tia gesto ni neniel perfidus Esperanton, sed farus al ĝi grandegan servon.

Antaŭen, Oriental, ataku nin ! — Bonvolu nin minaci, Occidental ! — Vigliĝu, Basic, mordu nin ! Kss... ksss...

LA DEĴORANTA PIRATO.

Unu el niaj junaj amikinoj (laŭdire ŝi estas apenaŭ deksesjara) komunikis al ni sian lastan lernejan taskon pri la temo :

# Dumaŭtune, kiam ĉiuj folioj defalas...

Jam antaŭ ol la homoj ekkomprenis la fizikan leĝon pri la altirforto de l' tero, ili verŝajne konis la faladon. Jam niaj prapatroj, en la paradizo, falis... en la insidon de l' serpento kaj en la pekon. La falado estas movado ne nur homa sed universala. Ĝi apartenas al ĉiuj sezonoj, sed pli speciale al la aŭtuno. Dumvintre oni ankaŭ falas, precipe sur la glacio. Dumprintempe multaj homoj faladas preskaŭ senhalte, tio estas la geamantoj, kiuj faladas en... siajn reciprokajn brakojn. Dumsomere, kiam estas tre soifiga vetero, ankaŭ tiuj falas, kiuj tro obstine provis dronigi sian soifon. Sed dumaŭtune la falado estas pli ĝenerala. Defalas de l' arboj la fruktoj nerikoltitaj ĝustatempe ; defalas lasta simbolo de vivanta naturo, la flaviĝintaj folioj. Tio estas malgajiga spektaklo. Tial oni pretendas, ke la aŭtuno estas la sezono de l' melankolio, ĉar ĝi perfekte rimas kun « velkinta folio ».

Sed ni ne troigu ! Ne ĉiuj folioj defalas. Tion pruvas la konata kanzono el nia nacia folkloro, kiun (nur por plenigi la paĝon) mi kopias ĉi tie :

Estis knabino deksesjara,
Kiu scivolis pri statu'
De junul' neordinara :
Nuda li estis supre de l' genu' !

Nur vinberfoli' parte vestis lin...
Tial dum aŭtuno tiu ĉi knabin'
Kun esper' atendis falon de l' foli' !

Sed fidele la foli' deĵoris
Kaj trompite la knabino ploris
Kun melankoli'...

Ĉu tiu ĉi kantiko ne tre elokvente diras, ke dumaŭtune ne ĉiuj folioj defalas ? Kaj nur tion mi intencis diri.

Fala Sumal.

# Pri kelkaj simptomoj de malbona eduko

Vere, oni kelkfoje vidas eksterordinarajn ekzemplerojn de nenormalaj homospecoj en la Esperanta menaĝerio. Kelkfoje la konduto de personoj, kiujn ĝis tiam ni konsideris honorindaj, tiel frape ofendas la plej primitivajn konceptojn pri justeco, ke ni povas nur demandi nin, ĉu tiuj personoj ne plu havas konscion aŭ ĉu iliaj gepatroj ne posedis edukantan vipon. El mil ekzemploj ni citos nur unu.

Komence de tiu ĉi jaro — kiu laŭ kaprico de l'dioj fariĝis vere katastrofa jaro — aperis nova gazeto, kiu ĝis certa grado reprezentas la realiĝon de niaj plej intimaj revoj. Ni povus eĉ precizigi, ke temas pli speciale pri « Nia Gazeto », sed ni ne volas perdiĝi en detalojn.

Nu, kiamaniere, laŭ via opinio, la aliaj gazetoj akceptis la novalveninton? Per ĝojaj ekkrioj, ĉu ne? — per reciproka invito al koktejlo aŭ al pli simpatia aperitivo, per venkokria himnado kaj lirikaj bonvensalutoj! — Ho ve! Kiel malbone vi konas la karajn kolegojn!

Estos por ĉiam la honoro de nia Pirato, ke ni ne nur salutis la alvenon de Nia Gazeto jam antaŭ ĝia naskiĝo, sed ke ni, unuaj kaj solaj en la mondo, dediĉis tutan numeron al la simpatia kunfrato, — eble iom forte, sed des pli sincere. Dume, aliaj, kiujn ni ne deziras nomi kaj inter kiuj troviĝis Literatura Mondo, Bulgara Esperantisto, Esperanto por ĉiuj, Belga Esperantisto (fi!), L'Esperanto (Torino), kun fiŝa muteco tute forgesis mencii aŭ admiri la novan kolegon. Tio estas sufiĉe klara pruvo, ke al tiuj sovaĝuloj mankas ĉia sento pri lojaleco, *ĉu* boneduko (kiel oni ĵargonas en Jaslo). Sed tiujn sentaktajn

individuojn Nia Gazeto mem tre vigle skuis, tiel, ke iom post iom ili ĉiuj devis pentofari. Pli aŭ malpli elegante. Nur unu kondutis kiel strata bubaĉo, kaj ĉar ni timas, ke oni *ne akuzu* nin (alia jaslaĵo !) pri senfundamenta klaĉado, ni parolos pli klare kaj nemiskompreneble.

## Ĉu la Kongreso en Firona povos okazi ?

Tiu malbone dresita kolego estas L'Esperanto, organo de niaj italaj amikoj. Verdire ĝi ja finfine devis cedi al imperativa premo kaj konsentis en sia aŭgusta numero paroli pri Nia Gazeto kun pli ol cento da linioj. Sed konstatu la perfidan faron : la tuta artikolo estas en itala lingvo, tiel, ke eventualaj ne-italoj ne povos kompreni, pri kio ne temas. Kaj ne temas, precize, pri la ĉefredaktoro ! Jen la anonima aŭtoro bonmezure komplimentas Nian Gazeton kaj laŭmerite incensas la simpatian direktoron Georges Avril. Sed — atentu bone ! — sed per neniu vorto nek duonvorto li aludas la eminentan ĉefredaktoron Salo Grenkamp-Kornfeld. Kvazaŭ tiu ĉi ne ekzistus. Tio estas skandalo, kontraŭ kiu ĉiuj honestaj samideanoj, se ili ne estas jam putriĝintaj, devas protesti. Trivorte : Tio estas netolerebla !

Tiele statas la afero kaj en tiaj cirkonstancoj ĉio rajtigas nin konkludi, ke la kongreso en Firona estas serioze endanĝerigita.

## Kaj alia nerekomendinda individuo

Senhezite ni denuncas lin. Estas tiu Goldsmith. — Sincere kaj tutkore ni partoprenas la justan indignon de nia granda kolego « Nia Gazeto », kiu per venĝanta plumo, ankoraŭ tremanta pro emocio kaj histerio, dekretas :

« *The British Esperantist* en sia numero de septembro publikigas raporton de Goldsmith pri la kongreso en Stokholmo. S-ro G. rekomendas legi la raportojn de *Heroldo de Esperanto* kaj *Esperanto.* Ĉu li opinias, ke la raportoj en la aliaj gazetoj ne estas legindaj? Aŭ ĉu s-ro Goldsmith, la animo de Brita Esperanto-Asocio, aŭdis nur pri tiuj du gazetoj? Aŭ ĉu s-ro Goldsmith antaŭdivenis, ke nur tiuj du gazetoj povos havi bonajn raportojn? Aŭ ĉu s-ro Goldsmith deziras, ke la membroj de B. E. A. ne legu aliajn gazetojn? Aŭ ĉu S-ro Goldsmith opinias, ke...

Sed sufiĉas la aŭado!... »

Jes, sufiĉas, — tio estas ankaŭ nia opinio. Sed tamen ni postulas de tiu Goldsmith, kiu ŝajne permesas al si havi propran opinion, ke li publikigu en proksima numero de British Esperantist la kompletan liston de la Esperantaj gazetoj, se ne, B. E. A. forigu el siaj vicoj tiun danĝeran (por la interna paco) individuon! Senindulge.

## Kaj neevitebla efiko de la malbonaj ekzemploj

Lastatempe ĉiu klarvida samideano konstatas kun kreskanta abomensento, ke dum siaj kunvenoj la Esperantistoj pli kaj pli forgesas paroli pri Nia Gazeto. Eĉ dum siaj privataj familikunsidoj ili tro volonte ĝemas pri la multkosto de l' butero, aŭ klaĉas pri la hontinda konduto de najbara vidvino, aŭ plendas pri la senefikeco de l' cimpulvoro anstataŭ rekomendi la diritan gazeton. Feliĉe, el tiu maro de indiferenteco, elstaras kiel firma roko almenaŭ unu ekzemplo, al kiu ni povas fingromontri kun sento de pravigita fiereco.

## Konsolanta epizodo

Dum la stokholmaj tagoj kuraĝa fraŭlino, kiu, okaze de traarbara ekskurso babilis tro absorbite kun unuopa sinjoro, perdis la karavanon kaj dum pluraj horoj

erarvagis sola kun la sinjoro. Fine, kiam nia paro sukcesis, dum la vespero, retrovi la aliajn kunulojn, kelkaj amikinoj iom tro scivoleme demandis la kuraĝan fraŭlinon : « Kion do vi povis fari tiel longe ? » kaj ŝi konfesis : « Mi aŭskultis. » — « Kaj li, kion li faris ? » — « Li rakontadis al mi pri Nia Gazeto ! »

Tiu ĉi epizodo eble ne estas tute aŭtentike vera, — sed tiom verŝajna ! Ĉar — kiel oni raportis al ni — la unuopa sinjoro estis la eminenta ĉefredaktoro Salo Grenkamp Kornfeld propramoŝte.

Condorcet.

# Iom pli da diskreteco !

Sendube ni, idealaj Esperantistoj, jam havas en la mondo sufiĉe malbonan reputacion, ne necesas do altiri la atenton de l' normalaj homoj sur nian movadon per brua reklamo. Fine leviĝis inter ni kelkaj kuraĝaj samideanoj, kiuj komprenas tion. Estas niaj bonaj amikoj de « La Tribune Espérantiste », tiu vigla gazeto, kiu sin dediĉis kun patrina amo al la propagando en Francujo.

Kun vere admirinda takto « La Tribune Espérantiste » organizas kurson per korespondado kaj ĝi mem, en sia lasta cirkulero, prezentas al ni la gravajn avantaĝojn de tia kurso, kies ĉefa sendube estas la sekvanta :

*« Dank' al nia koresponda kurso oni povas lerni Esperanton tre diskrete, ĉar la lecionojn ni sendas sub kovertoj sen ia ekstera signo. »*

Bonege ! Tiel almenaŭ la leterportisto kaj la pordistino, tiu neplibonigebla klaĉemulino, ne scios, ke vi lernas Esperanton. Sekve oni ne konsideros vin kiel danĝeran maniulon en via kvartalo ; neniu konos

vian hontindan malsanon; honestaj burĝaj familioj ne malpermesos al siaj filinoj danci kun vi. — Sed estu singarda! Poste, kiam vi scios Esperanton, ne perfidu vin mem, portante kompromitantan insignon. Se vi korespondas kun alilandanoj, adresigu la bildkartojn ne al via hejmo, sed al sekreta poŝtoficejo. Se vi iam, forgesante la principojn de efektiva singardo, havus la deziron viziti Esperantan kunvenon, iru nur kiam la mallumo de favora nokto tion permesos. Se bezone, surmetu maskon. Kaj se hazarde iuj gekonatoj parolas dum via ĉeesto pri Esperanto, demandu kun lerte ŝajnigita nescio: « Kio estas tio? Ĉu kurĉevalo aŭ nova itala urbo? »

Per ĉiuj rimedoj vi devas, nepre devas, defendi vian honoron.



« La Tribune Espérantiste » cetere decidis apliki la sistemon de l' diskreteco ĝis en ĝiajn lastajn konsekvencojn. Kun bela sinofero ĝi baldaŭ ŝanĝos sian propran nomon, ĉar estas tro klare, ke sub la ĝisnuna nomo eĉ nekompetentuloj povis facile diveni, pri kio temas. Tial — se ni estas ĝuste informitaj — ĝi aperos denun sub la titolo:

« La Tribu des Pères dentistes » (La Tribo de l' Patroj dentistoj). Oni rajtas supozi, ke sub tiu ĉi ruze kombinita firmŝildo neniu eksuspektos, ke ĝi estas batalanta propagandilo. Neniu malkaŝos niajn sekretajn sekretojn.

Kaj, finfine, Esperanto apartenas nur al la Esperantistoj, ĉu ne? Ni ĵaluze konservu nian propraĵon!

A. B. C. Awful.



*VOĈO EL USONO*

# 3 . 2

Al Raymond Schwartz.

Ni viajn pikojn prenis sen eksku' ;
Vi mokis nin, per poezitamtamoj,
Vi ridis al mizeraj Usonanoj
Likvorumantaj febre sub tabu' !
Sufiĉe nun diversas la menu',
Malŝpare ŝprucas miloj da fontanoj,
Kaj fluas nun, por ni amerikanoj,
La gustotikla suk' « Tri-punkto-du » !
Ni trinkas ĝin en praa maniero...
Tri-punkto-du ? — Ja estas ĝi biero,
Nur nova nomo por malnova ĝu'.
Aperitivojn trinku, se vi volas,
Ne plu per limonado ni petolas :
Je via sano... per Tri-punkto-du !

En blinda porko sin ne kaŝas plu
Soifa Usonano ; — por celebri
Ne mendas trinki en kafej' palpebre,
Ne prenas kaŝe tra la murotru',
Ne sidas hejme, sola en enu',
Trinkanta dekaktaĵojn *) por funebri
Delonge forpasintan gloron, nepre
Naŭzigajn pro l' venena substitu' !
Eĉ se dikiĝas aĉe ĉe la ventro
Per tro da Blatz aŭ Schlitz en unu centro,
Ni ĝuas nun en gaja rendevu'.
Kompaton ŝparu ! « Povraj » Usonanoj
Dronigas la soifon en fontanoj
De l' fama ŝaŭma suk' « Tri-punkto-du » !

J. E. CRARY.

*) Ĉi tiun neologismon ni ne konas, sed ni timas, ke ni komprenas ĝin. (N. d. l. R.)

**Niaj referencoj.**

*El* Germana Esperantisto : « ... *same mi malpermesis la anoncon de* La Pirato. »

KURT WALTHER,
DEB-Führer.

**DANKON !**




# MISKOMPRENO

*Honi soit qui mal y pense.*

(Moto sur la ŝtrumptenila ordeninsigno, pri kies signifo, se necese, esploru vian nacilingvan enciklopedion.)

Jozefino Baker, nia fama nuddancistino, alvenis ĉe birdovendisto, sin turnis al la komizo kaj tre ĝentile petis : « Bonvolu, sinjo'o, doni al mi duonfunton da g'ene'oj. »

La komizo ne komprenis. « Pardonu, sinjorino, kion vi deziras ? »

« G'ene'ojn po' mia bi'do. »

« Geneojn po via bido ??? Mi tute ne komprenas. »

« Sed, sinjo'o, vi ce'te havas g'ene'ojn po' la bi'doj. »

« Senkulpigu min, sinjorino, sed mi ne scias, pri kio temas. Permesu unu momenton, mi tuj informiĝos ĉe la butikestro. » Kaj la komizo iris al la ĉefo por klarigi :

« Jen estas negra sinjorino, kiun mi ne povas kompreni. Ŝi volas geneojn po la bido. Ĉu eble vi povus diri al mi... »

« Certe, azeno, ŝi deziras grenerojn por sia birdo. Ĉu do vi ne scias, ke la negrinoj ne povas elparoli la literon R ? »

« Efektive, mi ne sciis, sed nun mi scios. » — Kaj la komizo tre konscience pesas duonfunton da greneroj.

Intertempe Jozefino babilis kun bela papago, kiu nostalgie filozofis en sia orumita kaĝo. La papago tre plaĉis al Jozefino, kiu admire diris al la vendisto :

« Bela bi'do ; ĝi estas pli ve'da ol mia kakatuo. »

La vendisto, kiu vere estis azeno, ekruĝiĝis kaj pensis, ke Jozefino uzas strangajn komparobjektojn.

SALA FUMAL.

☆☆☆

# EL EKZOTIKAJ MONDOPARTOJ

Tio okazis en lando cent mil mejlojn for de l' civilizo, je epoko, kiam la kristana moralo ankoraŭ ne disvastiĝis.

Kuŝis sur silkaj drapoj, inter puntoj kaj rubandoj, la palvizaĝa princino kaj atendis liberiĝon el sia gravedeco. Ĉirkaŭ ŝi deĵoris seninterrompe la plej lertaj akuŝprofesoroj kaj per ĉiuj eblaj rimedoj plimildigis la lastajn dolorojn dum ame kaj dorlote konsolis ŝin la intimaj familianoj. — Ekstere, sur la placoj kaj stratoj, kun bondeziroj kaj preĝoj la popolo atendis la naskiĝon de l' princido. Kaj oni organizis kolektojn por aĉeti al la princa ido, kiu tamen nenion bezonis, el oro forĝitan lulilon. Dum multaj sendormaj noktoj artistaj laboristinoj ŝpinis kaj kudris por donaci al la feliĉa infano la plej belajn ĉemizetojn. Senbrua entuziasmo ŝvebis tra la tuta lando kaj pruntedonis al la okuloj de ĉiuj afablan brilon Estis kortuŝe.

Dum la sama tempo estis graveda laboristedzino. Ĝis la lasta momento, por vivteni siajn sep infanojn, ŝi sinforgese mastrumadis en mizera domaĉo. Kun kreskanta timosento ŝi atendis la liberiĝon, ĉar mankis ĉio por kovri la nudecon de l' naskiĝonta vermeto. Eĉ lulilon ŝi ne havis...

Pri ŝi, dum la ĝenerala entuziasmo, neniu havis tempon okupiĝi..... Ĉe ni feliĉe, io simila ne povus okazi!



Tio okazis aliloke, sed vi mem divenos...

Unua en la tuta urbo tiu bankdirektoro ricevis la teruran sciigon. Per telefono.

« Ĉu vi scias, kio okazis? » tremis el Marseille la voĉo de lia korespondanto, « ne estas kredeble! Ĵus fanatikulo murdis la reĝon! Tio tiom emociigis min, ke mi ne plu povas... »

« La reĝo murdita? Ne estas erara sciigo? »

« Ne, bedaŭrinde, — oni konfirmis. »

« Dankon pro la rapida informo. Mi tuj aĉetos anglajn funtojn! Ĝis! »

A. B. C. Awful.



# LA GALERO DE L' PIRATOJ



Sen entuziasmo, kontraŭvole kaj nur devigite, ni malfermas tiun ĉi ĉapitron. La loka polico, same kiel la eksterlanda, nepre insistis, por ke ni publikigu la fotografaĵojn de niaj kutimaj kunlaborantoj. Ni tial submetiĝas al la leĝa potenco, kiun, cetere, ni ĝis nun ĉiam obeis en pluraj okazoj.

Hodiaŭ ni komencas do per la fino kaj prezentas al vi tiun eksterordinare inteligentan junulon, kiu regule kaj tre legeble subskribas la lastan paĝon de ĉiu Piratnumero : *Le Gérant* ROGER BERNARD.

Tiu kuraĝa heroo akceptis, post kelkaj hezitoj, esti la respondeculo pri niaj kajeroj, ĉar, laŭ la franca leĝo, iu devas respondeci. Lia tasko estas cetere facila. Se iam ni iel pekos kontraŭ la ŝtataj ordonoj, estas li, kiun la simpatia polico arestos kaj enkarcerigos. Ni pensas, ke iun tagon ni tamen sukcesos atingi tiun rezultaton. Kaj tiam ploros multaj belaj okuloj....

Roger Bernard rimarkinde distingiĝas inter la aliaj Esperantistoj : La Enciklopedio ne parolas pri li. Sufiĉas bone rigardi lian fotografaĵon (kiun ni nun publikigas) por kompreni la kialon de tiu silento.

Kiel jam dirite, li estas inteligenta, malgraŭ abunda hararo, ĝenerale pura kaj ne tro trude parfumita. Oni ne povas nei, ke li havas nazon. Lia buŝeto, kiam li ridas, ŝajnas senfina. Tamen ĝi havas limojn. La disvastiĝon de tiu vizaĝtrueto baras en la oriento la dekstra orelo kaj en la okcidento la maldekstra. Ĉirkaŭ la lipoj, same kiel sur la genuoj, li ne havas harojn.

Li korespondas kun 63 diverslandaj fraŭlinoj kaj lia preferata aperitivo estas « Raphaël » sen citronsiropo.

Ekzistas homoj malpli simpatiaj.

Kaj en la proksima numero ni prezentos al vi fraŭlinon Sala Fumal.

ALE BEN TARIP.

# La unua Esperanta Dusemajno en Francujo

De la 15-a de oktobro ĝis la 1-a de novembro okazadas tra tuta Francujo kaj ĝiaj kolonioj la energia por-Esperanta antaŭenpuŝo konforme al saĝa decido de la S. F. P. E. Tiu antaŭenpuŝo daŭras du semajnojn. — Ĉar ĉiuj Esperantaj gazetoj malavare antaŭanoncis la datojn de tiu ĉi grandioza manifestado, estas nun relative facile konstati, ĉu ĝi jam komencigis aŭ ankoraŭ ne finiĝis : Sufiĉas rigardi la kalendaron.

Multaj estas la fervoraj samideanoj, kiuj kunvenis dum tiu propaganda periodo por serioze diskuti pri la temo « Morgaŭ ni komencos la laboron ». — Estas ankaŭ agrable konstati, ke dum la Esperanta Dusemajno oni mallongigis la Esperantan duonhoron ĉe la radiostacio Eiffel. Tiamaniere oni gajnis tutan kvaronhoron, kiun oni povos dediĉi al la propagando.

Jam nun oni povas diri, ke la rezultato en Francujo estas kontentiga. Ĉe la Centra Librejo, ekzemple, ili vendis dum unu sola tago 3 Ĉefeĉ-ŝlosilojn. Tio necesigis la dungon de novaj oficistoj. — Koncerne la koloniojn, mankas ankoraŭ la detaloj.

Por ke niaj eksterlandaj amikoj havu pli precizan impreson pri la efiko de tiu Dusemajno sur la Parizan vivon, ni donas ĉi sube la titolojn de la ĉefaj artikoloj, kiuj aperis dum la dirita tempo. Ni garantias la aŭtentikecon de niaj informoj.

Le Matin : La sekreta organizo de l' Macedonaj kaj Kroataj « Ustaĉistoj ».
Excelsior : La vetflugo de London al Melbourne.
L'Œuvre : La ŝtatreformaj fantaziprojektoj de S-ro Doumergue.
Le Journal : La nacia funebrado pro la morto de S-ro Poincaré.
Le Petit Parisien : Kio nova pri la Stavisky-skandalo ?
L'Action Française : Ĉio putriĝis en nia polico.
La Vie Parisienne : Sensacia enketo ĉe niaj ĉefaj aktorinoj : « Ĉu vi dormas en noktoĉemizo aŭ en piĵamo ? »

Plue ni aldonu, ke laŭ oficiala raporto de la Urba Statistik-Oficejo, la sanstato de la Pariza loĝantaro estas nun la sama, kiel lastjare je la sama epoko.

Resume : Kontentiga rezultato.

Jules Laribois.




**Oni precizigu!** — Ankaŭ « La Suda Kruco » (Melbourne) recenzis la lastan (provizore!) verkon de K.R.C. Sturmer « Notlibro de Praktika Esperantisto ». La recenzisto Robo (kiu sin kaŝas sub tiu ĉi robo? ĉu ne Reginald?) ne estas tre entuziasma. Vidu mem, kion li riproĉas al Sturmer: « Priskribante certajn nebelajn flankojn de la seksa vivo, li montras sin observema, sed mi preferas nomi " facilmor(al)aj ", ne " larĝmensaj ", certajn rondojn en kiuj li flarserĉis iom el la ne tre bonodora materialo. »

Kaj scivoleme la legantoj de La Suda Kruco (ĉu ne pli ĝuste iom « Kruda Saŭco »?) demandas sin reciproke, pri kiuj nebelaj flankoj temas. Ho he, amiko Koroco, konfesu fine, en kiuj rondoj vi flar-serĉis. Intertempe ni timas, ke ni jam komprenis...

**Parenceco.** — La Suda Kruco (cetere tre simpatia gazeto) recenzis ankaŭ la faman radiolibron de nia bona amiko Aisberg, kies ĉefrolantoj estas la ĉionscianta onklo Radiulo kaj ties nevo Sciemulo. Pri tiu verko la recenzisto diras: « Jen sub formo de dialogo inter patro kaj filo la misteroj de la radio klariĝas. » — Sed komplikiĝas la mistero de l' parenceco!

**Senpage!** — Aperis la unua numero de l' Ĝeneva « Esperanto » sub la nova reĝimo. Sensacia estas la titolpaĝa artikolo. Ĝi ne plu estas de d-ro Privat kaj ne plu kostis 750,— fr. fr. Estas la nuna prezidanto de UEA, int.-gen. L. Bastien mem, kiu verkis ĝin. Kaj ne nur la unuan paĝon li plenigis, sed eĉ parton de la dua. Tiu artikolo estas verkita senpage, tute senpage, kaj krome... ĝi havas sencon!

**Laŭvice.** — Seriozaj matematikistoj, kiuj kompetentas pri senerara nombrado, kalkulis, ke la nova komitato de UEA havas nun 35 aŭ 36 membrojn. Por ke tiuj komitatanoj havu sufiĉan okupadon, oni tre saĝe decidis, ke la ĉefartikolon de la gazeto denun verkos ĉiufoje unu el ili. Laŭvice, unu post la alia. — Tion oni decidis eble iom facilanime, ĉar tio signifas, ke ĉiu komitatano devos verki unu artikolon almenaŭ ĉiutrijare. « Bone, bone! » aplaŭdas certaj senkoruloj: « Ili

havas la honoron, ili havu ankaŭ la laboron! » — Tamen, tamen, amikoj, ni estu humanaj!

**Jesne kaj nejes.** — La XIX-a Itala Kongreso ankaŭ okupiĝis pri la neologisma demando, kiun majstre disvolvis nia bona amiko S. La Colla. Kaj same, kiel ĉiu fiŝo finiĝas per vosto, ĉiu bona prelego finiĝas per konkludo. Kaj estas pli bone havi du konkludojn ol neniun. Tial niaj italaj amikoj unuvoĉe akceptis du tagordojn:

1. — « ...energie malaprobas la enkondukon de neologismoj kaj rekomendas, ke anstataŭe oni plene eluzu la beletristikajn eblecojn de la komunlingva vorttrezoro. »

2. — « ...esprimas sian dankon al Kolomano Kalocsay pro lia traduko de "Infero", — admiras la grandan kaj konsciencan laboron de li faritan kaj lin gratulas pro la grava riĉigo de nia literaturo. »

Aŭtentike! — Kiam oni scias, ke precize nia amiko Kalocsay estas la ĉefo de l' neologisma skolo, oni komprenas, ke niaj italaj samideanoj estas homoj tute ĉarmaj. Sed restas la demando: Ĉu ili aprobas aŭ ne aprobas la neologismojn?

**Io-ujo.** — Ankoraŭ ni ĉiuj memoras la heroajn batalojn inter ujo-anoj kaj io-anoj. Antaŭ kelkaj jaroj fervoraj fundamentistoj eksiĝis el UEA, ĉar ĝia oficiala organo uzis la formojn Svisio, Hungario, Italio, ktp.

Hodiaŭ la oficialaj cirkuleroj de la XXVII-a Universala Kongreso senhezite diras Italio. Kaj neniu plu protestas. Progreso...? Aŭ ĉu mortis ĉiuj fundamentistoj?

**Kriterio.** — Estas konsentite, ke oni abonu nur gazetojn, kiuj ne kripligas nian belan Esperantan lingvon. Sed kiamaniere konstati unuavide, ĉu la gazeto estas Zamenhofeca aŭ ne? — Nia bona amiko D-ro P. Corret donas al ni bonan recepton en la lasta numero de « Franca Esperantisto ». Tiu recepto resumiĝas jene: « Neniam abonu gazeton, kiu ne scias ĝuste uzi *komenci* kaj *komenciĝi.* » — En la sama numero de F. E. troviĝas (sur paĝo 139) unu malfeliĉa *komencas,* kiu ne aspektas tre fiera...

**Rabato.** — Iom post iom oni ekscias, kiom kostos la itala kongresvojaĝo. Heroldo (28 okt.) publikigas ĉiujn detalojn. Interese estas konstati, ke la « plena turisma kotizo por kongresanoj » sumiĝas je Liroj 498,— dum la rabatita kotizo estas Liroj 526,—. Ŝajnas do rekomendinde ne postuli rabaton!

**Specialajoj.** — Multaj bonkoraj homoj kutimas, kiam ili faras vojaĝon eksterlande, alporti donacojn al la geamikoj, kiuj restis en la hejmlando. Ĝenerale tiuj bonkoraj homoj aĉetas iun specialaĵon de la vizitata fremdlando. El Anglujo oni alportas pudingon, el Francujo iun parfumon aŭ lipruĝon, el Svisujo fromaĝon, same el Holando. Ĉi tiun jaron la subiĝo al tiu ĉarma tradicio ne estis tro multekosta por la bonkoraj donacemuloj, kiuj revenis el Stockholm. Preskaŭ ĉiuj senescepte alportis al ni... alumetojn!

# OFICIALAJ INFORMOJ

Ni povas konstati, ke preskaŭ ĉiuj abonantoj de la unua Pirat-jaro restis fidelaj al sia serioza kaj morale altnivela organo. Ili repagis ĝustatempe kaj esprimis sian malkontenton ne tro krude. — Aliparte, ni spertas ĉiutage, ke la granda plimulto el la nereabonantoj konsistas el simpatiaj bonhomoj, kiuj tute simple, hazarde aŭ ne senintence, forgesis repagi. Kaj nun alvenas iliaj riproĉoj : « Kial mi ne plu ricevas La Piraton ? — Ĉu fine ĝi tamen mortis ? »

Al tio ni respondas fiere, konsciaj pri nia digno, devo kaj honoro : « Kial ni ne ricevis vian monon ? »



Ne povante sendi varmajn kolbasetojn, ni sendas varmajn dankojn al ĉiuj fervoraj helpantoj, kiuj propagandis niajn kajerojn inter siaj gekonatoj. Menciinda estas unu ekzemplo el la urbo Limoges, kie aktiva Piratino zorgis ne nur pri ĝustatempa re-aliĝo de la malnovaj abonantoj, sed eĉ kaptis dekon da novaj. — Pri niaj parizaj piratinoj ni ne povas paroli pro modesteco.



Ni atentigas nian elitan legantaron, ke ĵus — post multaj kaj longaj diskutoj — ni fine decidis je trikvarona unuanimeco dediĉi **50 PESETOJN** al la Floraj Ludoj, kun la celo rekompenci la plej bonan verkon (maksimume 60 linioj, proze aŭ verse) pri la temo : **« Kion, laŭ internacie aplikata kodo, bonedukita homo ne devas fari, eĉ se li estas petolulo. »**

Por pluaj informoj koncerne la ĝeneralajn konkurskondiĉojn oni sin turnu al Kataluna Esperantista Federacio, Valencia, 245, pral., en Barcelona.



**AL LA NOVAJ ABONANTOJ !** — Ankoraŭ nun ni ricevas tre ofte abonojn de ĉarmaj naivuloj, kiuj « deziras la kompletan kolekton de La Pirato, de la komenco ĝis nun. » — Neeble, karaj novaj amikoj, — ĉiuj numeroj ĝis februaro 1934 inkl. estas elĉerpitaj.

Personoj, kiuj posedas numerojn de la unua jaro kaj kiuj ne deziras konservi ilin, bonvolu tion sciigi al ni. Ni povos interrilatigi ilin kun eventualaj aĉetantoj.



**LA TEMPLO DE L' AMO.** — Nia alvoko en nia aŭgusta numero havis malmulte da sukceso. Ni ricevis sume kaj entute nur 34,75 fr. fr. Kaj ni demandas nin, kiel faras la aliaj monkolektantoj ! — Ni tial definitive forlasas nian projekton pri tiu Templo de l' Amo kaj rezervas al ni la rajton disponi libere laŭ nia plaĉo pri la dirita monsumo.



**ALIA PROPONO.** — Multaj amikoj, kiuj intencas viziti la Kongreson en Firona, ŝparas jam nun. Por esti certaj, ke ili ne elspezos tiun ŝparitan monon antaŭtempe, ili povas ĝin sendi al Ŝparkaso de l' Piratoj. Ni volonte konsentas konservi ĝin por ili. Ŝparu !

*Le Gérant :* Roger BERNARD.

Presejo J. SOLSONA, 9, rue Hallé, Paris-14e — Tél. Gobelins 62-71.

## NIAJ ABONEJOJ

*Aŭstrujo:* S-ro Alfred Klein, Cirkusgasse 34/9, *Wien II.* — Unu jaro: S. 5,—.

*Ĉeĥoslovakujo:* Ĉeĥoslovaka Asocio Esperantista, Uralské 447, *Praha-XIX.* — Unu jaro: Kr. 20,—.

*Germanujo:* Friedrich Ellersiek G. m. b. H., Wilms-Str. 5, *Berlin S. W. 61.* — Postscheckkonto: Berlin 293 18. — Unu jaro: RM 2,10.

*Granda Britujo:* The British Esp. Association, Inc. 142, High Holborn, *London W. C. 1.*

*Hispanujo:* S-ro S. Alberich-Jofrè, Pérez Galdós, 45, *Barcelona.* — Unu jaro: Pesetoj 6,—.

*Italujo:* Esperanto-Centro Itala, Galleria Vittorio Emanuele N. 92, *Milano* (Conto Corrente Postale 3/18715). — Unu jaro: Lit. 12,50.

*Japanujo:* Japana Esperanto-Instituto, Hongoo-Motomaĉi, *Tokio.* — Unu jaro: 3,50 jenoj.

*Nederlando:* Esperanto Instituto, Postbus 81, *Venlo.* Poŝtĉek-konto: 230 505. — Unu jaro: Guld. 1,25.

*Polujo:* Librejo N. Szapiro, Nowolipki 8, *Warszawa.*

*Svedujo:* S-ro Oskar Svantesson, Karl Johansgatan 61, *Göteborg.* Sveda poŝtĝira konto 62252. — Unu jaro: Kr. 3,75.

*U.S.S.R.:* Centra Libroekspedejo de Sovetrespublikara Esperantista Unio, - *Moskvo,* Spiridonovka, 15.



**Al ĉiuj novaj abonantoj ni liveros - ĝis elĉerpiĝo - nian junian numeron kun la Ludo de l' Piratoj. Estas pli bone aboni hodiaŭ ol neniam!**